


*Ĉef-redaktoro*
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe,
27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj*
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz
Antonio Valén Fernández

**Hispana Esperanto-Federacio**
(Informado kaj Administrado)

**Federación Española de Esperanto**
(Información y administración)

Rodriguez San Pedro 13, 3°, p-7.
28015 MADRID
Telefono + faksilo: (91) 446-80-79

Estraro
*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Manuel López Hernández
*Vicprezidanto*: Alberto Franco Ramirez
*Vicsekretario*: Luis Gil Pérez
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)

*Kovrilo:* "Lonja" (Lonĥa) de Valencio, Borso de la Komercistoj konstruita en la jaro 1482.
*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO

# Ek al la Ĝenerala Kunsido en Valencio!

Laŭ konsento dum la lasta HEF-kongreso (Merido, 1992), la ĉi-jara Kunsido de HEF okazos en Valencio samtempe kun la 78a Universala Kongreso de Esperanto. Tiu Kunveno estas speciale grava, ĉar en ĝi oni devas elekti novan HEF-estraron, post la kvarjara plenumiĝo de ĝia mandato.

Ne la nuna redaktoro de "Boletín" devas prijuĝi atingojn aŭ malsukcesojn de la nuna HEF-estraro, ĉar nur la HEF-anaro rajtas tion fari dum la Kunsido. Tamen eble konvenas al nia komuna celo informi vin pri certaj impresoj, kiujn ni havas pri la agado dum tiu kvarjara periodo, ĉar tio povus taŭgi por veki ĉies intereson pri tiu grava kunveno kaj eventuale pretigi solvojn. Kaj ni tuj substreku ion kion ni ĉiuj jam antaŭsciis kaj ne povis eviti: la teruran izolecon kiun ĉiu HEF-estrarano spertis en sia respektiva tasko, precipe kiam oni devis decidi ion gravan sen la konsilo kaj helpo de la ceteraj, foje eĉ konsciante, ke tiu decido povus generi miskomprenojn aŭ erarojn...

La problemo meritas ĉies atenton kaj zorgon, ĉar la elektota estraro (ĝis nun neniam en unu sola urbo) devos alfronti post julio identajn malfacilojn kiel tiujn jam spertitajn de la aktuala. Ne tute kontentiga solvo, sed ne tiel malbona, kiel la ĝisnuna, estas tiu aprobita dum la januara estrarkunveno en Madrido pri starigo de konstanta HEF-Sekretariejo en Madrido, kie oni povus centrigi la administrajn kaj priinformajn servojn. La aĉeto de komputilo tiucele estas unu el la necesaj paŝoj por ebligi la disvolvon de tiuj taskoj. Do, ni invitas niajn kolegojn studi ĉi tiun problemon!

Kompare kun la antaŭa periodo la nova HEF-estraro ne trovos tiom da malfacilaĵoj je la komenco de sia agado rilate al la ekonomia havaĵo. Kiel sciate, la nuna estraro komencis sian aktivadon kun deficito. La venonta heredos, kun la pagita komputilo, favoran saldon. (Niaj legantoj povos tion konstati per Konto-Etato aperanta en tiu ĉi numero de "Boletín"). Tio tute ne signifas, ke ni povos plani grandajn projektojn kun la koncernaj pagoj, ĉar tiu modesta havaĵo estas la rezulto de la ne tro altaj kostoj de "Boletín" kaj la senpagaj printlaboroj faritaj de kelkaj samideanoj. Kompreneble, se

ambaŭ faktoroj ŝanĝiĝus morgaŭ, tuj ni troviĝus en similaj financaj malfaciloj. La realo estas, ke niaj nunaj enspezoj estas nesufiĉaj por alfronti niajn bezonojn en normalaj cirkonstancoj. Konsilinde do estas, ke ni restu prudentaj pri elspezoj, kaj krome, ne maltrafa estus la decido submeti al la konsidero de la Kunsido ĉiujaran aŭtomatan plialtigon de kotizoj akorde kun la jara inflacio.

Kiel estas normale, en la Kunsido oni povos ankaŭ elekti novan Ĉef-redaktoron kune kun la nova HEF-estraro. La decido estas grava, ĉar "Boletín" simbolis ĉiam en nia lando kvazaŭ HEF mem. Fakte, ĝi estas la sola voĉo kaj kontaktilo inter la estraro kaj la anaro dum la tuta jaro, t.e., de unu Kunsido ĝis la alia en la sekva jaro.

Konscia pri tiu fakto, la aktuala redaktora skipo faris ĉion eblan, ne nur por plibonigi ĝian enhavon kaj prezenton, sed ankaŭ por sendi ĝin akurate, sen prokrastoj. Kaj la afero, kredu min, ne ĉiam estis facila. La paĝoj de ĉiu numero kreskis de 23 p. ĝis la nunaj 29 kaj 33 en la eksterordinaraj numeroj, ĉiam kun la sama buĝeto. Oni ne povas atribui la meritojn de ĉiuj plibonigoj al unu persono, sed ja al la tuta skipo, eble unu el la plej altnivelaj en la historio de nia revuo. Jen kial la malapero de la nuna Ĉef-redaktoro ne signifus gravan perdon, kondiĉe ke la skipo restos sia-postene.

Rilate la novan Ĉef-redaktoron, mi rigardus pozitiva elekton de homo pli juna kaj kompetenta. Samideano Antonio Marco restos en la posteno nur se oni ne trovos personon taŭgan por la tasko, same kiel okazis komence de la antaŭa periodo.

Ankoraŭ aliajn gravajn problemojn ni ne mencias, ĉar la nuna artikolo preterpasus la disponeblan spacon, sed vi plu ricevos informojn per la oportuna tagordo.

Ĉar evidentas la graveco de la Ĝenerala Kunsido de HEF, ni instigas al nia anaro partopreni ĝin.

*La Redakcio*

---



**Aŭdigu vian voĉon!**

**venu al la**

**Ĝenerala Kunsido de HEF**

# Kunvoko al la Ĝenerala Kunsido de HEF

Post konsiliĝado kun grupoj kaj unuopuloj, kaj pesante la cirkonstancojn rilate al la Universala Kongreso en Valencio, la estraro decidis ne organizi Hispanan Esperanto-Kongreson en 1993, kaj ke la statuta Ĝenerala Kunveno okazu en Valencio en tago, kiu ne malhelpu la partoprenon en la UK.

Tial, obeante niajn statutojn, la Estraro de HEF alvokas ĉiujn anojn al la Ĝenerala Kunveno por la jaro 1993.

Loko: en Valencio, Escuela del Magisterio (Lernejo por Instruistoj), strato Alcalde Reig, 8. Dato: merkredon, 28an de julio (ĉi tiun tagon la UK dediĉos al ekskursoj). Horo: la 9an matene.

## TAGORDO

1) Prezento, lego kaj , se ende, aprobo de la protokolo de la antaŭa Ĝenerala Kunveno.

2) Prezento, studo kaj , se ende, aprobo de la kontoj de HEF kaj de Libroservo. Speciala informo pri la kontoj de la Centra HEF-Oficejo en Madrido. Speciala informo pri la kontoj de la lastaj HEF-kongresoj.

3) Studo kaj decido pri la plialtigo de kotizoj.

4) Kampanjo por financado de eksterordinaraj elspezoj (komputilo, vojaĝoj, eldonado, disdonado de inform-libroj, plifortigo de la Centra Oficejo en Madrido, k.s.).

5) Oficiala konfirmo de la decido de HEF-estraro de la 16a de januaro 1993, nomumi Prof-on Juan Régulo Pérez kaj S-ron Salvador Gumá Clavell honor-membrojn de HEF.

6) Oficiala danko al diversaj institucioj kaj personoj kiuj lastatempe grave helpis la agadon de HEF kaj disvastigon de Esperanto.

7) Premio Klara Silbernik.

8) Raporto de la estraro. Diskuto, proponoj pri ĝi.

9) Informo de nia ĉef-redaktoro pri "Boletín", projektoj, problemoj.

10) Informo kaj planoj pri la HEF-oficejo.

11) Proponoj kaj decidoj pri HEF-Kongresoj en la sekvontaj jaroj. (Por 1994, Andaluzia Esperanto-Unuiĝo proponas la urbon Malago).

12) Demandoj, petoj, proponoj.

Aldono: La estraro decidis, ke la tutan posttagmezon kaj vesperon de tiu sama tago, restu je dispono de la grupoj kaj /aŭ unuopuloj, kiuj deziros pli detale proponi, diskuti, studi ion ajn por la plej bona disvolvo de nia agado, por kiel eble plej harmonia kunlaborado de ĉiuj E-grupoj, k.s..

La Estraro disponigos ankaŭ apartajn ĉambrojn en tiu posttagmezo kaj vespero por la grupoj kiuj deziros debati kun fakaj celoj (organizado de kulturaj aranĝoj, informo pri la stato de la projekto "Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj en Esperanto", k.s.).

---

# Kunvoko al Ĝenerala Neordinara Kunsido

Obeante niajn statutojn, la Estraro de HEF alvokas ĉiujn anojn al la Ĝenerala Neordinara Kunveno okazonta en Valencio, Escuela del Magisterio (Lernejo por Instruistoj), strato Alcalde Reig, 8., merkredon, 28an de julio je la 12a matene.

**TAGORDO**

1) Prezento de proponoj kaj/aŭ sinproponoj por la nova estraro, kiun laŭstatute oni devas elekti pro forpaso de la deĵor-periodo de la nuna estraro. (La proponojn oni povas jam sendi al la Centra Oficejo. Ĉiuj proponoj estos akceptitaj ĝis la komenco mem de tiu ĉi punkto de la tag-ordo. Unu propono jam ekzistas).

2) Prezento de la programoj de la kandidatoj al la estraro de HEF. Voĉdonado, elekto, enposteniĝo de la nova estraro.

3) Demandoj, petoj, proponoj.

En Madrido, la 26an de majo 1993.

Subskribas: La Sekretario, Manuel López Hernández
La prezidanto, Antonio Alonso Núñez

# Resumo de Aktivaĵoj de HEF dum 1992



Por eviti kolizion kun la UK, ĉi jare ne okazos la kutima HEF-Kongreso, tamen jes la Ĝeneralaj Kunsidoj (Ordinara kaj Neordinara) de HEF, kies tagordojn trovu sur paĝo $$. Tial, la Estraro deziras profiti la fakton ke ĉi jare ni disponos pri pli da tempo por studado de niaj problemoj, por klopodi tion fari kiel eble plej trafe kaj kun bona planado por la estonteco.

En la tag-ordo de la Ĝenerala Kunsido enviciĝas preskaŭ ĉiuj aferoj pri kiuj ni devas okupiĝi. Ĉar pri ili oni estas informitaj pere de Boletín, ĉi tie ni simple skizos la plej gravajn aferojn.

— *Boletín* plu regule aperadas, ĉiukaze altnivela kaj akurata. Ĉi tio ŝuldiĝas precipe al la kompetento kaj entuziasmo de la ĉef-redaktoro, kaj al la helpo kiun li ricevas de pluraj kunlaborantoj.

— Kvankam ni sukcesis komposti kaj prepari la planitan adresaron de niaj membroj kune kun la nova HEF-statuto, bedaŭrinde ni ne povis ĝin eldoni pro manko de sufiĉaj mon-rimedoj.

— Elstaras la eldono de la libro "El Esperanto. Un fenómeno de la comunicación", en hispanlingva traduko de Marcos Cruz el la esperanta originalo fare de akademiano William Auld.

— Ankaŭ rilate al eldonado, ne eblis finpretigi informan flugfolion pri Esperanto. Kvankam, feliĉe, la ĵus citita traduko de Marcos Cruz helpos iel ŝtopi tiun truon - kondiĉe tamen, ke oni aĉetu ĝin grandkvante por donaci al publikaj bibliotekoj, ateneoj, edukaj institucioj (ŝtataj, aŭtonomaj, provincaj, urbaj). Tial, ni instigas ĉiujn anojn ĝin aĉeti por la dirita celo.

Plu restas la bezono eldoni varbfolion por munti kampanjon cele al akiro de novaj kaj eksaj membroj, plenaj aŭ subtenantaj.

— La provo kunsendi hispanlingvan informilon en *Boletín* plurkaŭze malsukcesis, kaj pri tio ni detale informos en la Ĝenerala Kunsido.

Restas, tamen, la evidenta bezono, disponi regulan informilon pri Esperanto en naciaj lingvoj, ĉar nur pere de ĝi eblos atingi la simpatiantojn kaj komencantojn kiuj ankoraŭ ne bone regas la lingvon, same kiel la ceterajn personojn kaj instituciojn.

— Libroservo plu same efike kaj akurate funkciadas. Nian elkoran dankon al la deĵoranto kaj al lia helpantino.

— La grupoj kaj asocioj aliĝintaj al HEF havos okazon informi pri sia agado en Valencio. Jam nun substrekindas la graveco de Valencio kiel organizanto de la Universala Kongreso, la kuraĝo de Kultura Asocio de Esperanto de Sabadell kiel organizanto de televida Esperanto-kurso, la laboro de Barcelona Esperanto-Centro kiel organizanto de la Universala Antaŭkongreso, kaj la ĉiama agemo de Madrida Esperanto-Centro pri informado al ĵurnaloj k.s. pri la UK en Valencio. Kaj ĉu ankaŭ pri post-kongreso?

— HEF ricevis nean respondon al sia peto, ke pluraj junuloj venu helpi al ĝi kadre de la Socia Servo de Konscienc-obĵetantoj pri armeservado.

— La kontotenado plu ĝustas en la manoj de nia kasisto, pri kio ni lin dankas. (Laŭ la nova regularo, la kontoj prezentotaj al la Ĝenerala Kunsido rilatu al naturaj jaroj. Tial, en Valencio oni traktos nur la kontojn de la periodo 1a de julio - 31a de decembro 1992).

— En la jaro 1990 HEF petis de la registaro la deklaron pri Asocio de Publika Utileco. Tial, ke ĝis nun neniu respondo venis, ni preferis ne ripeti la peton, ĝis ni kompletigu pli firman bazon por fortikigi la demarŝojn.

— La projekto pri Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj en Esperanto" ĉesis ricevi, pro financaj malfaciloj de la universitato, la monan helpon kiu permesis al ĝi evolui. Kompreneble, ni insiste klopodas, ke tiu helpo venu de aliaj fontoj.

Iom bremsita de la ne favoraj cirkonstancoj, la projekto tamen daŭre disvolviĝas, kaj pluraj aŭtoroj plu kontribuas per verkado.

— La funkciado de la HEF-sidejo en Madrido estas la plej bona aldona gajno al la vivo de la Federacio. Ni estas tre ĝojaj kaj dankas, ke la svingo donita al la tieaj laboroj malfermis tute novan vojon kaj provizas la plej necesan bazon por firma estonta agado. Ni ĝojas tiom pli, ke la ĉefaj

postenoj de la Oficejo estas tenataj de junaj kaj plej kompetentaj homoj, tiel pri Esperanto kiel pri organizado kaj preteco labori.

Laŭ la kompreno de la estraro, necesas sistemigi kaj fortikigi la strukturon kaj funkciadon de la HEF-sidejo tiel, ke tiu ĉi fariĝu la kerno, stabejo kaj cerbo de la Federacio. Fakte al tio ĝi survojas. Nian gratulon do al la deĵorantoj!

Aldonindas kelkaj vortoj pri la statuta devo ĉijare renovigi la estraron:

De komence antaŭvideblis, ke disigita estraro apenaŭ povus efike labori. Tamen, oni decidis provi tiun alternativon. Kvarjara sperto pruvis, ke la funkciado de la estraro lamas. Laŭ nia kompreno, efika funkciado postulas almenaŭ jenajn rimedojn:

— Plifortikigo de la HEF-sidejo en Madrido, en kiu ekzistu almenaŭ unu konstanta oficisto (prefere salajrata). (Oni povus diskuti pri la urbo, sed ne pri la bezono disponi Sidejon kaj salajraton. Ni havas lokalon en Madrido, do ni uzu ĝin).

— Almenaŭ Prezidanto kaj Sekretario loĝu samurbe, tiel ke ili restu en konstanta kontakto. Alikaze, kreskas la kostoj.

— Laŭ abstrakta vidpunkto, preferindus ke la estraro loĝu en la urbo de la HEF-sidejo; tamen, tio ne estas principe ebla, kaj ankaŭ konvenas, ke ĉiuj urboj kaj grupoj rotacie partoprenu la estraron de HEF.

— Ĉi fakto, postulas pli fortan financan bazon de HEF, tiel ke ĝi povu pagi la koston de oftaj vojaĝoj, instalo de telefaksoj kaj aliaj aparatoj, kaj ankaŭ repagon de telefon-kostoj k.s..

Nu, por meti finon al tiu ĉi raporto, ni invitas ĉiujn, nepre partopreni tiel la Ordinaran, kiel la Neordinaran Ĝeneralan Kunsidon en Valencio.

Madrido, la 26an de majo de 1993
La Sekretario: Manuel López
La prezidanto: Antonio Alonso Núñez

# Konto-etato de HEF dum 1992

| | | |
|---|---|---|
| Favora saldo je la 31 de Decembro 1991 | | 200.853 |
| Sumo de enspezoj dum la jaro 1992 | 653.626 | |

Elspezoj

Eldonado de la Bulteno:

| | | |
|---|---|---|
| *Boletín* nº 304 | 53.394 | |
| *Boletín* nº 305 | 56.821 | |
| *Boletín* nº 306 | 54.321 | |
| *Boletín* nº 307 | 54.290 | |
| *Boletín* nº 308 | 54.125 | |
| 5.000 presitaj kovertoj | 25.000 | |
| Sendo de rembursoj | 12.245 | |
| Filtrilo por la komputilo[1] | 16.468 | |
| Subtotalo | 326.664 | 326.664 |

Sekretariado:

| | | |
|---|---|---|
| Poŝtkesto | 1.200 | |
| Poŝtmarkoj | 3.000 | |
| Fotokopioj | 699 | |
| Glu-etikedoj | 3.350 | |
| Telefono | 5.000 | |
| Sidej-luo | 4.000 | |
| Subtotalo | 17.249 | 17.249 |

Diversaj:

| | | |
|---|---|---|
| Pastro celebranta la eŭkaristion (Mérida) | 5.000 | |
| Donaco de *Don Quijote* al la urbestro | 4.000 | |
| Parto de pluraj vojaĝoj de la Prezidanto | 8.000 | |
| Kasistoficejo: Afrankoj, fotokopioj, ktp. | 5.000 | |
| Komputilo por la HEF-sidejo[1] | 250.470 | |
| Subtotalo | 272.470 | 272.470 |
| Sumo de la elspezoj | | 616.383 |

Rezulto:

| | |
|---|---|
| Saldo favora al HEF je 31-12-1991 | 200.853 |
| Sumo de enspezoj dum 1992 | 653.626 |
| | 854.479 |
| Sumo de la elspezoj dum 1992 | -616.383 |
| Saldo[2] favora al HEF je 31-12 1992 | 238.096 |

Callosa de Segura 31-an de decembro de 1992

*José Mª Bernabéu Franco*

(1) Valoroj en uzo.

(2) Ĉiu noto havas koncernan fakturon aŭ kvitancon, kaj, kompreneble, ili estas je la dispono de ajna HEF-membro.

# KONTO-ETATO DE LIBROSERVO

## ENSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa Saldo | | 186.749 |
| Vendado de libroj | 1.024.824 | |
| Interezoj konto Poŝta Kaso | 41 | |
| Diversaj Abonoj por 1992 | 31.500 | |
| Aliaj enspezoj | 2.831 | |
| Jarenspezoj | 1.059.196 | 1.059.196 |
| **ENTUTE SUMAS** | | **1.245.945** |

## ELSPEZOJ

| | | |
|---|---|---|
| Aĉetado de libro | 992.819 | |
| Materialo por oficejo | 71.166 | |
| Poŝto (poŝtmarkoj, O.I.C. | 49.709 | |
| Transporto de libroj | 33.275 | |
| Bankaj Elspezoj | 19.856 | |
| Diversaj Abonoj por 1992 | 31.550 | |
| Por HEF | 40.000 | |
| Aliaj | 2.150 | |
| Jarelspezoj | 1.240.525 | |
| **Saldo al nova Konto** | **5.420** | **1.245.945** |
| **ENTUTE SUMAS** | | **1.245.945** |



Valladolid, la 31-an de decembro 1992

*La Libroservanto*
Luis Hernández Garcia




Okaze de la 78-a Universala Kongreso, la mendoj de libroj de hispanaj aŭtoroj tradukitaj en Esperanto ricevos rabatkuponon, kies valoro estos minimume 10% de la vendoprezo de la libro. Tiu kupono validos dum tri monatoj por pagi, parte, novajn mendojn.
Faru tuj vian mendon al Libroservo de H.E.F., Apartado 119; 47080 Valladolid, aŭ al la telefono 983-260086 (kun aŭtomata respondilo).
**Kaptu la okazon!** Donacu al viaj esperantaj geamikoj, aŭ al vi mem, libron de hispana aŭtoro tradukita en Esperanto, je rabatita prezo.
La oferto validos ĝis la 30-an de junio, aŭ ĝis elĉerpiĝo de la stoko.




## Ekspozicio pri la Oficiala Antaŭkongreso

La pasintan 23-an de marto, estis inaŭgurita ekspozicio pri la Oficiala Antaŭkongreso en la sidejo de "CONEX". Ĝin organizis la O.K. de la Oficiala Antaŭkongreso en Barcelono, kunlabore kun deko da Esperanto-Asocioj de Katalunio.

En la inaŭguro estis prezentitaj du afiŝoj de la 78-a U.K., kolekto de afiŝoj de la A.K., afiŝoj de la pasintaj Universalaj kaj internaciaj kongresoj, centoj da poŝtkartoj, libroj, revuoj, insignoj kaj diversaj specialaj esperantaĵoj.

Fest-parolis s-ro S. Aragay, kiu, en la nomo de la O.K., kore dankis s-ron Agustín prezidanto de "CONEX" kaj la E-Asociojn pro ties helpo kaj lunlaboro.

Cetere, oni informis la ĉeestantojn pri letero, datumita la 26-an de januaro, per kiu s-ro Nikola Raŝic, Konstanta Kongresa Sekretario, jene klarigas la sintenon de Universala Esperanto-Asocio rilate al la E-aranĝoj okazontaj en Barcelono antaŭ la U.K..
..., ni ofertos la A.K. en Barcelono enkadre de la Dua Bulteno, kiel oficialan antaŭkongreson. Neniun alian antaŭkongresan aranĝon ni propagandas nek ofertas, nek oficiale nek ne-oficiale.

Post la salutvortoj, oni trinkis ĉampanon Esperanto.

## Esperanto en grava periodaĵo

Sub la titoloj "*La lingvo de ĉiuj*" *kaj "Valencio gastigos la 78-an Universalan Kongreson de Esperanto*", pompe aperis dimanĉe la 14-an de marto en "La Vanguardia", la plej legata ĵurnalo de Barcelono, artikolo pli ol duonpaĝa pri la Zamenhofa Lingvo. Krom objektiva informado pri la Movado, ĝi publikigis liston kun adresoj de Esperanto-kluboj de Katalunujo, inklude de tiu de la HEF-Libro-Servo en Valladolid, kaj du fotojn: unu grandan kun kolekto da renomaj verkoj en Esperanto, kaj alian kun portreto de la Majstro.

## Video-festo en la sidejo de BEC

La lastan mardon de marto, okazis prezentado de videofilmo de s-ro Josep Ivern pri la pasinta 5-a Pacifika Kongreso de Esperanto en Quingdao, Ĉinio, kaj de unu leciono de la Televida Esperanto-kurso de KAE en Sabadell. Post la prezentado, la televidantoj aplaŭdis la du videofilmojn kaj komentariis pri tio.

Oni ne komprenas la nefavorajn kritikojn de kiu ajn esperantisto rilate la video-kurson. Supozeble oni

ne konscias, ke la kurso celas ne esperantistoj, kaj tial ĝi estas tre simpla. Cetere, la kursanoj devis aĉeti libreton por sekvi la lecionojn, kiuj, kompreneble, enhavas la necesajn gramatikajn klarigojn kaj ekzercojn. Resume, la kritikantoj certe agis malice, nerespondece kaj ne-etike.

## Oficiala Antaŭkongreso

Jam aperis la afiŝoj de la Antaŭkongreso okazonta en tiu urbo eldonitaj de la "Ĝeneralitato" (registaro) de Katalunio kaj multajn ekzemplerojn oni sendis eksterlanden propagandcele.

Respondeculoj de la televida programo de "Canal-39" vizitis la sidejon de Barcelona Esperanto-Centro kaj intervjuis la organizantojn de la Antaŭkongreso pri la lastaj novaĵoj de ties organizado, same kiel pri la 78-a UK de Esperanto okazonta en Valencio kaj pri la nuna stato de la Esperanto-instruado en la mondo.

Informojn pri la Antaŭkongreso oni povas peti de la sekretarioj de la OKK gesinjoroj Anna Cardo kaj Manuel López, ĉe:
Carreras Candi, 34-36.
08028-BARCELONO.

## Valencio. 27 ILEI-Konferenco kaj 2-a Gimnazio de ILEI

Tiuj du eventoj okazos en Hispanio, tuj post la Universala Kongreso en Valencio. La datoj por la instruista konferenco estas de la 31-a de julio (sabate) ĝis la 6-a de aŭgusto (vendrede) 1993.

La situo kaj kondiĉoj estas tre favoraj. Gastigos nin la vilaĝo La Paterna, tuj apud Valencio kaj ligita al ĝia urbocentro per metro-linio. La konferencejo estos tri-stela hotelo "La Paterna", kiu ofertas komfortajn (laŭ niaj normoj -luksajn) klimatizitajn ĉambrojn (unu-, du- kaj plur-litajn), kun banĉambro, televido kaj telefono. Ĝi troviĝas rande de la vilaĝo apud oranĝujaro. La hotelo havas 180 litojn en 70 ĉambroj -ni provizore rezervis 120, sed ni devos anonci definitivan mendon kaj antaŭpagi parton; do, senprokrasta mendado estas grava. Jen la kosto por restado en 2-lita ĉambro:

Tarifo A: 340 NLG 1200 SEK 21.000 ESP.
Tarifo B: 240 NLG 800 SEK 8.000 HUF 3500 slovakaj kronoj.

A: Loĝantoj de okcidenta Eŭropo, Nord-Ameriko, Japanio kaj Australazio.

B: Ceteraj landoj. Post la 31-a de majo ĉiuj kotizoj altiĝos je 20%. Studentoj kaj instruistoj de la gimnazio ricevos rabaton de 20%. Per guldenoj oni povas pagi al UEA en la konton ilek-a. Favoraj prezoj por loĝantoj en Iberio.

## Prelego pri Al-Andalus

En la sidejo de la Esperanto-Grupo "Ricardo Codorniú" de Murcio, prelegis en Esperanto la 8-an de aprilo samideano Antonio

Marco Botella pri "Kelkaj aspektoj pri la poezio de Al-Andalus". Post la prelego, kiu tre bone impresis la ĉeestantaron, okazis interesa kolokvo pri la temo.

**Interŝanĝo de studentoj**

Murcia Universitato serĉas Ekonomiajn Fakultatojn tra Orienta Eŭropo por subskribi kontraktojn por interŝanĝo de profesoroj, studentoj kaj scienc-esploristoj. Eblas financado de ŝtataj institucioj. Por informoj adresu viajn leterojn al S-ro Pedro Antonio Macanás; Av. Libertad, 6-2.- 2° B. 30009-MURCIA (Hispanio).

**KAE-Kunveno kaj elekto de "Klerec-reĝino Esperanto-93"**

La 29-an de februaro, post la Ĝenerala KAE-kunveno, okazis festo, en kiu antaŭ grandnombra publiko oni elektis "Pubilla Esperanto 1993" la 19-jaran studentinon fraŭlinon Mónica Valldosera Tarrés, kiu danke salutis la ĉeestantaron per simpatia paroladeto en perfekta Esperanto. Venis por solenigi la ceremonion 11 divers-societaj "Pubilles" (Klerecreĝinoj). Prezidis kaj inaŭguris la feston la KAE-prezidanto s-ro José Mª Galofré, kaj ĝi finiĝis per bone provizita lunĉo. La lokaj televido, radiostacio kaj ĵurnalo objektive raportis pri la KAE-festo.

**Aĉetu unu libron, kaj ricevu du!**

KAE donace liveros libron kun la komedioj "Tamen civilizitaj" kaj "Neĝobulo", tradukitaj en la Zamenhofan lingvon de la esperantologo Luiso Mimó, al ĉiuj geinteresatoj, kiuj aĉetos dum la nuna jaro 1993, la gramatikon de la sama aŭtoro "Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto", kies prezo estas nur 800 pesetoj. Tiurilate skribu al la "KAE-Librejo SERRANO", C/ Font Nova, 32; E-08202-SABADELL (Barcelono). Ĉiun mendon oni pritraktos nur post ĝia antaŭpago, prefere per posta ĝiro.

**Internacia Junulara Semajno**

Hungara Esperanto-Junularo invitas vin al agrabla somera feriado en internacia esperantista etoso. La IJS okazos en kastelo de Mikosszéplak en okcidenta parto de Hungario, 35 kilometrojn de la urbo Zalaegerszeg, kiun vi povas facile atingi pertrajne. En la parko mem de la kastelo estas banejo, sportejoj, romantikaj vojoj kaj 4 kilometrojn for troveblas ankaŭ lageto kun kampadejo kaj restoracio. En la programo vi trovos ludojn, prelegojn, koncertojn, nokta bivakfajro, ekskursoj, ktp. Ni organizos karavanon al la IJK en Bulgario.

La partoprenkotizo estas inter 190 kaj 310 guldenoj. Por partoprenantoj el ekssocialismaj landoj: 6.000/12.000 HUF.
Informojn petu: Tibor Budai, H-8900 Zalaegerszeg,pk.263.

**Antaŭkongreso en Barcelono**

La Organiza Komitato informas, ke komence de majo jam aliĝis pli ol 90 gekongresanoj. La japana grupo, 22 personoj, estas la plej multnombra. La temo de la antaŭkongreso estos naciismo kaj esperantismo, kaj pri ĝi prelegos s-ro Giordano Moya, kiu, post la prelego, donacos al la ĉeestantoj ekzempleron de sia verko La homa viv-aventuro. En la tuttaga ekskurso oni inaŭguros straton kun la nomo Esperanto en Castellbisbal, kaj festos la 25an datrevenon de la fondiĝo de la Hispana Esperanto-Muzeo en San Pau de Ordal.

**49-a I.J.K. 7-14 de aŭgusto 1993**

Antaŭ tridek jaroj en la pitoreska bulgara urbo Vraca okazis la 19-a Internacia Junulara Kongreso. Per siaj pli ol 550 partoprenantoj, ĝi estis la plej impona por sia tempo. En la historio de TEJO, tiu kongreso havas sian signifan lokon, interalie, pro la fakto ke tie naskiĝis la ideo pri *"Kontakto"*.

Kaj jen oni decidis denove okazigi Internacian Junularan Kongreson en Vraca.

Vraca, la plej granda kaj grava urbo de Nordokcidenta Bulgario, havas longjarajn esperanto-tradiciojn. La unua tiea esperantisto estis Ivan Krestanov, akademiano, kompilinto de la fama *"Bulgara Antologio"* (1925). Pli ol sepdek jarojn en Vraca aktivis Radoslav




Triĉkov, kiun la *Esperanta Enciklopedio* (1933) taksis plej fidela adepto de la Lingvo Internacia.

Nun Vraca estas inter la plej aktivaj esperanto-centroj en Bulgario. En ĝi okazas kursoj, seminarioj, festivaloj, simpozioj, konkursoj, naskiĝas novaj libroj kaj kulturaj valoraĵoj. Ĉe la loka Pedagogia Instituto funkcias Interlingvistika Fako, kie oni preparas instruontojn de esperanto kun ŝtata diplomo. La mondkonata Ŝtata Pupteatro de Vraca regule prezentas spektaklojn en Esperanto.

La kongresa temo, *Ekonomio kaj socio en ŝanĝiĝo,* certe interesos plimulton el la kongresanoj. Iuj, precipe el orienteŭropaj landoj, volas ekscii pli pri la monda merkato. Aliaj, el evoluintaj landoj, scivolemas pri la ekonomiaj kaj sociaj ŝanĝoj en la eksaj socialismaj landoj, kiel Bulgario.

Dum la kongresa semajno abundos kultura, distra, prelega, ekskursa, sporta programoj. Venos

interesaj homoj. Vi ĝuos amikan etoson. Kaj nepre vizitu la belegajn montarajn ĉirkaŭaĵojn de Vraca, kie eĉ eblos grimpi alpisme. Tamen, ni ne malkovru iujn sekretojn el la kongresa programo.



Se vi preferas pli profunde konatiĝi kun tiu lando, antaŭ ol forveturi al antikvaj monaĥejoj, aŭ al la bordo de Nigra maro, vi certe devas vidi la orajn kaj arĝentajn trezorojn de la traca epoko, el la kolekto de loka muzeo. Venu al Vraca, vi ne bedaŭros! Bulgario varme akceptos vin!

Informoj kaj aliĝoj: Loka Kongresa Komitato; p.k. 26; BG-3000 VRACA. Bulgario

**Kubanoj al U. K.**

KUUK estas tute nova organizaĵo en Londono, kiu formiĝis en februaro ĉi-jara por venigi kubanojn al la Universalaj Kongresoj.

Inter la multaj landoj, kiuj malofte aŭ malfacile povas sendi reprezentantojn al internaciaj aranĝoj, kaj kiuj meritas helpon, ni elektis subteni Kubon. Sed kial Kubon speciale? Ĉar ni konsideras, ke Kubo estas speciala kazo pro diversaj kialoj. En 1990,ĝi okazigis ege sukcesan Universalan Kongreson en Havano. Kaj ĝi montris kiom fortas la tiea movado, altas la Esperanto-nivelo de la kuba esperantistaro kaj efikas la informado pri Esperanto al la ĝenerala publiko.

Ni, eta, malpotenca lando el la Tria Mondo, daŭre strebas sekvi politike sendependan vojon kaj malgraŭ la rezulta pli ol tridekjara bojkoto de Usono, lastatempe forte intensigita, kaj la preskaŭa malapero de la ĝusta interŝanĝo de sukero kaj oleo kaj de aliaj diversaj komercaj aranĝoj kun la iamaj komunismaj landoj.

Sekve do, la daŭra manko de internacia valuto por vojaĝi eksterlanden, kvankam en la lando mem Esperanto daŭre vigle kreskas, danke ĉefe kaj al la entuziasma kaj efika laboro de la esperantistaro kaj al la subtena apogo de la naciaj instancoj, kiuj interalie pasintjare donis al Kuba Esperanto-Asocio belan domon por ĝia Havana sidejo.

Post vojaĝo de du el ni dum la pasintaj decembro kaj januaro, la konscio pri la kombino de tiuj du

aspektoj de la nuna kuba situacio igis nin formi tiun grupon.

Sed ni volas speciale emfazi, ke KEA tute ne petas monon. Estas ni, geamikoj de KUUK, kiuj preferas havi Universalajn Kongresojn kun kuba partopreno, ĉar ni konsideras, ke tia ĉeesto riĉigas kongresojn, kaj ke ebligas al kubanoj daŭrigi personan kontakton kun plej multaj landoj kaj kun tre gravaj aspektoj de la Movado. Kaj tio, ambaŭdirekten, inspiras kaj instigas..., kaj tiel, ĉiuj ni esperantistoj, eĉ tiuj, kiuj ne ĉeestas kongresojn, iel profitos.

Se vi volas pli da informoj pri KUUK aŭ kontribui al ĝi, bonvolu kontakti nin ĉe:

KUUK'; 82 Waterford Road, London. SW6 20R. Britio.



---

# FUNDACION ESPERANTO

Internacia Literatura Konkurso

## VERDIKTO

La juĝkomisiono de la premio "Sancho Rebullida", konsistanta el s-roj: Antonio Marco, Victor Ortiz kaj Miguel Gutíerrez, decidis deklari ne aljuĝita la premion.

La Patronaro de Fundación Esperanto dankas al la Juĝintoj pro ties kunlaboro, kaj al la partoprenantoj pro ilia krea strebado ene de la esperanta kulturo.

Zaragoza , la 15an de decembro 1992
*Enrique Piquero*
Sekretario de FE kaj de la Konkurso



# La historia vizito de Zamenhof al Valencio



Post la fino de la Kvina UK okazinta en Barcelono, multaj kongresanoj ekskursis ĉu al Montserrat, ĉu al la kataluna strando, ĉu al Balearaj Insuloj, aŭ tute simple ili restis en Barcelono; sed ĉiuj sciis, ke la 14-a de septembro estos la rendevua tago, kiam la esperantistoj devos vojaĝi al Valencio por partopreni la planitan Postkongreson.

Kaj ĝuste tiel okazis, ĉar en la ekspresa trajno kie vojaĝis Zamenhof kaj altranguloj de la Esperanta Movado veturis ankaŭ multaj kongresanoj...

Dume, en la Norda Stacidomo de Valencio, atendis la esperantistojn tiel granda amaso da homoj, ke ĝi ne sufiĉis por enhavi ĉiujn. Tie atendis la Urbestro de Valencio kaj pluraj urbokonsilantanoj, la prezidanto de la Valencia Ekspozicio, s-ro Trenor, s-ro Martínez Aloy, kronikisto de la urbo, kaj la plej elstaraj membroj de la Valencia Esperanto-Grupo: Inglada, Jiménez Loira, Marzal, Duyos, Bellido, Escuin, Novejarque, kaj multaj aliaj kiujn mencii estus senfine. Kun ili ankaŭ atendis elstaraj esperantistoj de la Hispana Esperanto-Movado: Ayza, Perogordo, Guinart, Ribot, Serra, k.a.

Je la emocia momento de la eniro de la trajno en la stacidomon tondra entuziasma aplaŭdado sonis, dum la urba muzikbando ludis "La Espero"-n, kiun ĥore kantis la alvenintoj kun la atendintoj. La entuziasmo estis tiel intensa kaj la amaso da personoj tiel granda, ke dum la unuaj momentoj tute ne eblis moviĝi por saluti la alvenintojn. Iom post iom la situacio maldensiĝis kaj d-ro Aguilar Blanch, reprezentanto de la Valencia Urbestraro en la Kvina UK, povis fine prezenti d-ron Zamenhof kaj generalon Sebert al la Valenciaj aŭtoritatuloj.

Akompanis d-ron Zamenhof kaj lian edzinon Karlo Bourlet, direktoro de "La Revuo", barono de Menil, Alfonso Sabadell, Andrés Piñó, sekretario de la Postkongresa Komitato, Cazeaux, f-ino Hoffman, s-roj Ferri, Telschick, Tellini, Farges, Bastie kaj multaj aliaj elstaraj membroj de la tutmonda Esperanto-Movado. Post la prezentoj, meze de brua entuziasmo, venis la

malfacila momento por eliri el la stacidomo kaj atingi la veturilojn, kiuj atendis ekstere. Fine oni pretigis la karavanon: D-ro Zamenhof kun la Valencia Urbestro, prezidanto de la Internacia Ekspozicio kaj d-ro Aguilar Blanch okupis la unuan veturilon; post ĝi oni vicigis unu post alia la longan karavanon...

Dum la marŝado de la veturiloj tra la Valenciaj stratoj, la publiko varme aplaŭdadis, multaj personoj iris al la balkonoj por vidi la eminentan invititon, kaj, kiam la veturilo de d-ro Zamenhof trafis la hotelon Palace, kie li devis loĝi, la aspekto de strato Paz kaj la publik-aklamoj estis vere imponaj. Nia Majstro eniris en la hotelon, sed la aplaŭdoj tute ne ĉesis, kio devigis lin aperi antaŭ la publiko en la balkono por danki la grandajn pruvojn da simpatio kaj akcepti ankoraŭ novajn aklamojn. Ambaŭflanke de la balkono kie aperis Zamenhof, oni povis vidi du belajn tapiŝojn el floroj arte kaj bele faritajn, kiuj estis vertikale almetitaj kaj lasis vidi du grandajn skribojn per floroj kun la vortoj: "Vivu D-ro Zamenhof", "Vivu Esperanto".

Kiam la aplaŭdoj ekĉesis, nia Majstro eniris en sian belan akceptoĉambron, kaj tie li babilis kun multaj Valenciaj eminentuloj kaj esperantistoj avide dezirantaj lin alparoli kaj aŭdi. Sed la tempo forflugis rapide kaj la unua programero devigis ilin forlasi ĉian konversacion, ĉar je la naŭa vespere la esperantistoj devis partopreni la inaŭguron de la Postkongreso okazonta en salonego de la Ekspozicio.

Efektive, la solena Malfermo komenciĝis akurate, ankoraŭ sub la entuziasma etoso de la akcepto. La Urbestro de Valencio eniris en la teatrosalonon akompanata de siaj protokol-vestitaj gvardianoj kaj en tiu momento la urba muzikbando ludis la himnon de Valencio, kiun ĥorkantis la orfeonoj Vega kaj Micalet. Apud la prezida tablo sidis d-ro Zamenhof, Valenciaj aŭtoritatuloj kaj altaj personuloj de la tutmonda Esperanto-Movado. La teatrosalono plenplenis, tiamaniere, ke restis neniu libera loko. La momento estis tiel emocia, kiam finiĝis la himno kaj la aplaŭdoj, ke la Orfeonoj kaj muzikbando devis ripeti la Valencian himnon. Kiam fine fariĝis la silento, s-ro Vicente Inglada, prezidanto de la Valencia Esperanto-Grupo, leviĝis kaj faris belan paroladon.

Longedaŭra aplaŭdado premiis la majstran paroladon de Inglada, kiu estis devigata plurfoje stariĝi emociplene por respondi kaj danki la ĉeestantaron. Tuj poste kelkaj aŭtoritatuloj kaj eminentuloj ankaŭ paroladis por esprimi al d-ro Zamenhof plej agrablan bonvenon kaj restadon en Valencio.

Kiam d-ro Zamenhof ekstaris por respondi al tiuj bonvenaj paroladetoj, en la salono eksplodis longa aplaŭdado kaj regis entuziasmo senlima. Per

belaj kaj elegantaj frazoj, nia Majstro salutis la Urbestron, prezidanton de la Ekzpozicio kaj la Valencian popolon, kaj dankis ĉiujn pro la tre afabla akcepto. Ĉiam inter aplaŭdoj, d-ro Zamenhof daŭrigis sian paroladon dirante, ke kiam en Dresdeno oni decidis la pasintan jaron, ke la Kvina UK de Esperanto okazu en Hispanio, ĉiuj demandis sin, ĉu eble tiu estas la konvena momento, por ke la hispanoj aranĝu ĝin? Sed veninte Barcelonon kaj vidinte la grandan sukceson, li ĝoje konstatis, ke la realo superis lian esperon. Kaj kiam oni ankaŭ decidis la Valencian Postkongreson, ni kredis en la unua momento ke tio estos nur ia sengrava aldono, sed nun li konstatas, ke ekzistas ĉi tie multaj fervoraj esperantistoj, ke la festo estas eksterordinara kaj ke ĝi estos tre fruktodona por la triumfo de nia idealo. Li finis la belegan paroladon per granda laŭdo al Valencio, kies nomo jam estis konata de la fremduloj, sed kiu nun ankoraŭ plifloriĝos dank'al la granda sukceso de ĝia Ekspozicio kaj Esperantista Postkongreso.

Kiam d-ro Zamenhof sidiĝis, la aplaŭdoj estis bruegaj kaj la entuziasmo elbordiĝis.

La urba muzikbando ludis "La Espero"-n, kiun ĥore kantis la Orfeonoj de la Vega kaj Micalet kune kun la ĉeestantaj esperantistoj.

Tiuj estis la unuaj horoj kiujn nia Majstro vivis en Valencio en la jaro 1909, kie li ankoraŭ restis kelkajn tagojn okaze de la Valencia Postkongreso.

El la verko "*La Esperanta Movado en la Valencia Komunumo*"

# Grava, nova! verko pri Esperanto en la hispana lingvo

Ĵus aperis "El Esperanto: fenómeno de la comunicación", la hispana versio de la Aŭlda "La fenomeno Esperanto". La libron -125-paĝan, buntkovrilan kaj modern-aspektan- tradukis s-no Marcos Cruz, responsulo pri la CO de HEF, kaj eldonis Madrida Esperanto-Liceo subvenciite de la Hispana Kultur-Ministerio dank' al senlaca demarŝado far Lupe Sanz.

Trafa enkonduko en la lingvan problemon; brila argumentado pri la taŭgeco de nia solvo; alloga prezento de la lingva konsisto de Esperanto, de la historio de ĝiaj movado kaj literaturo... Jen la plej rimarkindaj kaj varbo-

cele konvinkaj trajtoj de la originalo, kiuj en la elstara transpono de Cruz konserviĝas kaj eĉ pliriĉiĝas per abundaj notoj liaplumaj.

Same laŭdindas la ĉi-versia aldono al la verko de Auld. Nombro da ege utilaj apendicoj -lertaj klarigoj pri esperantaj gramatikeroj kaj fonologio, detalaj priskriboj pri plej adekvataj lernolibroj, ktp -kronas ĉi sisteman kaj seriozan laboron kaj alportas plian intereson al la libro, tiel, ke ĝi iĝas alte rekomendinda ne nur al neesperantistoj, sed ankaŭ al komencantoj kaj scivolemuloj ĉiuspecaj.

Marcos Cruz kaj Madrida Esperanto-Liceo signas sekvendan vojon. Ni esperas, ke ilia ekzemplo fruktos en Esperantujo. Ja ne per nia koro, sed per la racieco de niaj proponoj kaj per aktualigo de niaj varbo-rimedoj, ni sukcesos allogi la homojn al nia afero.

Mendoj ĉe: Esperanto-Liceo de Madrid; Atocha, 98.-4°, 28012 MADRID. Prezo de ĉiu ekzemplero: 1300 ptoj, isnkluzive de sendokostoj por Hispanio. Pli ol 5 ekzempleroj ricevas 20-procentan rabaton. Nepras antaŭpago per poŝtmandato.

---

**Nekrologoj**

Kun bedaŭro ni sciis pri la forpaso en Zaragozo de sinjorino Lucía Vázquez, patrino de Enrique Piquero Vázquez, Sekretario de "Fundación Esperanto" de HEF. Ni kondolencas al nia bona amiko Enrique pro tiu dolora perdo.

En Alicante forpasis la patrino de Rodolfo Canet Marín, unu el niaj plej elstaraj samideanoj en tiu bela urbo. Hispana Esperanto-Federacio esprimas sian kondolencan al S-ro Canet, kiun ni tiel sincere altestimas.

Sufiĉe malfrue venis al ni la trista novaĵo pri la forpaso de Johano Bosch okazinta la 31-an de decembro 1992, kiam li aĝis preskaŭ 90 jarojn.

Li esperantistiĝis en 1935, kaj estis unu el la kunfondintoj de Hispana Esperanto-Federacio en 1947. Kiam "Boletín" aperis en 1949 li redaktis ĝian sekcion "La Lernejo". En 1954, kiam Luis Hernández demisiis kiel ĉef-redaktoro, li okupis tiun respondecan postenon.

Estrarano de HEF en 1957, samideano Bosch elstaris ĉiam pro sia laboremo kaj kompetenteco. Li fervore aktivis ankaŭ en la loka Esperanta Movado, kaj kiel elektita prezidanto de la Esperanto-Grupo de Valencio, li strebadis por nia Esperanta-afero malgraŭ sia aĝo.

Nian kondolencon al la familio Bosch kaj pacan ripozon al nia kara Johano, ĉiam fidela kaj fervora esperantisto.



# Recenzoj

*Memori kaj forgesi - Noveloj el la Norda Montaro* de Trevor Steele, eld. Pro Esperanto, Vieno, 1992.
Recenzas Georgo Kamaĉo.

## Memori kaj relegi

Parte mi konsentas kun István Ertl, ke *Sed nur fragmento* de Trevor Steele estas unu el la tri plej bonaj originalaj romanoj aperintaj de la komenco de la okdekaj jaroj, kune kun *La litomiŝla tombejo* (por la tria mi proponus *Adolesko* de Blazio Vaha). Mi skribis *"parte"*, ĉar ŝajnas, ke niaj preferoj iom diverĝas. Ĉiel ajn mi supozas, ke li konsentos, ke *La Bermuda Triangulo* de Karolo Piĉ kaj *Memori kaj forgesi* de Steele estas la du plej bonaj originalaj novelaroj aperintaj ekde 1980, kaj miaopinie do superaj al *Lappar, la antikristo* de Endre Tóth.

La novelaro bonegas teme, intrige kaj stile. La esperanto de Steele tuj sentiĝas riĉa, trafa, natura, flua kaj supla, ĉiam konforma al la temo. Plej plaĉas lia parola, dialoga esperanto. Ekzemple, troveblas en la dialogoj pli da sukaj sakroj kaj insultoj, ol en deko da sekaj kaj senpekaj terminaroj.

Krome, liaj historioj vivas, ĉar pli ol unudimensiaj (ĝuste la manko de plurdimensieco amatorigas multajn el niaj verkistoj). Trevor Steele havas ligojn kun la mondo, en kiu li vivas, kaj liaj verkoj prezentas al ni tiujn mondon kaj ligojn kune kun la problemoj, kiujn ili implikas kaj implicas.

La unuan novelon, *Memori kaj forgesi* (17 p.), parencan al *Fianĉo de l' sorto* de Johan Hammond Rosbach, karakterizas fino neverŝajna kaj iom manka rilate la sorton de unu el la tri roluloj.

Nur unu pecon el la kvinopo mi trovas nebona (bonŝance ĝi longas nur 4 p.): *Aminduma vespero*. Temas fakte pri duone malsukcesa Steele-ekzerco. Li fakte povus dediĉi al la aminduma vespero ne kvar, sed 40 aŭ 400 paĝojn, kaj sendube nia originala romanaro ekhavus per tio belan alpon.

Sekvas la letera *Mia kara Rita!* (23 p.). Nu, malgraŭ la antaŭparolo de la eldonisto mi dirus, ke ne ĝi, sed ja la du lastaj noveloj enhavas pli multe da membiografiaj eroj. Cetere mi opinias ilin la plej brilaj el la kolekto. En *Heroo de nia epoko* (29 p., sen evidentaj ligoj kun la samtitola romano de M. J. Lermontov) la aŭtoro rekreas antaŭ la leganto propran aŭstralian litomiŝlon kaj en ĝin lokas ĉi tiun sian *heroon*, ne sen kritika ironio. Ankaŭ

iom strange. Fine kaj krone, *Savo de nigra animo* (41 p.), preskaŭa romaneto kun pli sistema interplekto de la temoj komunaj al la tuta kolekto.

Kiuj ili estas? Ununivele, la demando pri individua identeco fronte al genta identeco; la demando pri kunviva toleremo fronte al rasismoj kaj gentismoj, kiuj ne ŝatas miksojn (kulturajn, lingvajn aŭ amorajn); nenion mi scias pri liaj realaj kontaktoj kun aborigenoj, sed certe li *nigriĝis* t.e. aborigeniĝis fikcie kaj porfikcie. Alinivele, kiel en *Adolesko* kaj la romanoj de Piĉ, liaj temoj estas jen la duope kompletaj vivo kaj morto, jen la beletre triunuaj amo, amoro kaj religio. Oni bonvolu atenti, kiel la aŭtoro prezentas kiel proprajn la ĉi-demandajn vidpunktojn de aliaj.

Nove kaj freŝe en nia literaturo, la agadejo de liaj noveloj estas la vilaĝoj kaj urbetoj de Aŭstralio, kun ties pejzaĝoj landaj kaj homaj. Ni do troviĝas antaŭ vere internacia verkisto, kies rakonta arto ne kompatas, sed konstatas: la mondo tias.

En nia nuna panoramo *Memori kaj forgesi* estas nunatako, kiun endas memori kaj relegi. Se ĉiuj verkus *tiel, kiel* Trevor Steele, rezultus tede kaj monotone; sed se ĉiuj verkus *tiel bone, kiel* li, nia originala prozo gajnus por eterne almenaŭ himalajon.

---

# Originala Poezio

**Garcilaso de la Vega**

L' adepton de kolera Marso komplimentas
trumpetoj de impeta, kurta epopeo
skulptita, tamen kontraŭ gloro argumentas
la elegio. Per eklogoj de l' paseo
la dioj valojn kaj arbarojn refrekventas;
de nimfoj tri teksite, ploras kun Orfeo
Venuso kaj Apolo; dolĉe plej lamentas
persona ŝalmo pro perfido krom pereo.
La rozojn kaj liliojn de l' aspekto, ho ve,
velkigos tempo kaj la Parcoj, sed denove
burĝonos kaj ekfloros belo super fato;
paganan Dafnan laŭro transformanta kaŝos;
l' amanto trans eternajn kampojn fine paŝos,
libera kun la amatino en beato.

*Timothy B. Carr*

# UK 1993 - Valencia

Certe la LKK diligente laboris en la preparo de la Universala Kongreso en Valencio, kaj, danke al ĝia pozitiva laboro, esperantistoj de la tuta mondo ĝuos neforgeseblajn tagojn en Hispanio.

Sendube, la subvencioj atingitaj, en valoro de pli ol 12 milionoj da pesetoj, permesas oferti vere dignan kongreson.

En la Interkona Vespero, ĉe la maro, atendas nin giganta *paella* kun *sangria* por du mil homoj!

En la Nacia Vespero regalos nin per sia arto la blov-orkestro de Valencio kaj folkloraj grupoj el Andaluzio, Aragono kaj Valencio. Entute preskau cent artistoj: muzikistoj, dancistoj, kantistoj...!

La Klasika Orkestro de Valencio kune kun la bonega ĥoro Verda Stelo de Madrido tuŝos niajn korojn per la unua kantato verkita en Esperanto. Amantoj de teatro havos je sia dispono la plej bonan ejon, *Teatro Principal*, por spekti prezenton de la brita trupo *Loo Brooks*. Kaj krome koncerto de klasikaj gitaroj, rokmuziko, infana ĥoro el Bulgario kaj kabaredo de f-ino Barlaston.

Amantojn de libroj kaj literaturo sendube plezurigos du kulturaj eventoj: la prezento de Ibere Libere kaj aliaj verkoj, kaj rondtabla diskuto pri eldonado.

Cetere, la dimanĉon, okazos la tipa "Florbatalo", ene de la valencia Foiro de Julio. La ekumena diservo okazos en la katedralo. En la akcepto ĉe la urbodomo, la partoprenantoj ricevos donacon. Kaj jam pretas 3.000 dokumentujoj, 1.000 afiŝojn, 2.500 sakoj, miloj da turismaj broŝuroj, videofilmo pri Valencio en Esperanto... kaj multaj aliaj surprizoj!

Ĉu eblas peti pli?

# enkonduke

*Niaj vivoj estas fluoj finiĝantaj en la maro morto-svene*

En ĉi famaj versoj de Jorge Manrique, tradukitaj de Fernando de Diego, videblas jam la enigma parenceco de riveroj kun vivo kaj morto, reaperanta en unu el la plej gravaj romanoj de la nuntempa hispana literaturo, *Jaramao* (*El Jarama*) de Rafael Sánchez Ferlosio.

Antaŭ du jaroj (ĉu pro atako de alterna skizofrenio komuna al pluraj esperantaj verkistoj?) la subskribanto de ĉi tiuj enkondukaj linioj decidis paŭzi dum kelka tempo en sia verkado esperanta kaj eksperimenti per sia gepatra lingvo, la hispana. Rezulte li produktis abortan romaneton kaj tri rakontojn.

Sendinte ilin al Fernando de Diego en Venezuelo, la verkinto ne atendis, ke la ricevonto, malsizife laboranta super vortarego hispana-esperanta kaj super nun jam preta traduko de *Tirano Banderas*, dediĉos parton de sia libera tempo al esperantigo de unu el la rakontoj, kies originala titolo estas *En el mismo río*.

Ĉi-sube *Boletín* prezentas al sia legantaro la hispanan kaj la esperantan tekstojn, por ke oni povu esplori en kurta rakonto la sen-egalajn teknikon kaj arton de Fernando de Diego.

Laste mi atentigu, ke ne mi, sed ja **Jorge Camacho**, estas la aŭtoro de *En el mismo río* kaj la praaŭtoro de *En la sama rivero*. Eventualan similecon kun mia verkostilo oni rigardu... pure hazarda.

*Georgo Kamaĉo*

## En el mismo río

Una ambulancia retiró el cadáver del muchacho. Se llevó su mochila el comisario Örkény y ahora nos preguntamos qué diablos habrá en ella.

No es la primera vez, y no creo que sea la última, que alguien se

## En la sama rivero

Ambulanco forportis la kadavron de la junulo. Lian tornistron prenis polico-komisaro Örkény, kaj nun ni scivolas kion je la diablo ĝi entenas.

Ne unuafoje, kaj supozeble ne lastfoje, iu ĵetas sin en la fluon de Danubo, sed neniam antaŭe oni

arroja a las aguas del Danubio, pero nunca antes se encontró en sus orillas el cuerpo de un muchacho ahogado, flotando boca abajo, con una mochila de lona roja y gris sobre los hombros, el rostro lívido y las manos muertas.

Lo encontraron esta mañana a las ocho y media en la margen izquierda del río, entre el puente Petöfi y el del ferrocarril, con la pierna izquierda enganchada a los restos de una plataforma metálica y los brazos en cruz sobre las aguas.

Cuando István, el comisario, venga esta tarde a la tienda le preguntaré si era joven. Me responderá que sí, que muy joven, unos diecinueve o veinte años, que nadie lo conoce, nadie lo reclama y que no lleva consigo documento alguno que permita identificarlo. De la mochila no dirá nada, conozco su forma de actuar en estas situaciones, nada hasta que todo esté resuelto.

Ahora entra, me saluda. *Hola, István.* Por fin estás aquí. Casi no has cambiado. Sigues siendo el sargento Örkény István del servicio militar en Nyíregyháza, alto y fornido, cabello rubio, corto y muy rizado y barba de hace un par de días. *¿Qué, buscabas algún libro?* Sonríes brevemente y luego callas, me miras y, sin bajar la mirada, tomas un volumen cualquiera de los que ocupan el viejo mostrador. *Proponme algo interesante.* Y yo: *¿Qué tal "El triunfo de la muerte"? No me digas que aún no la has leído...* Sabes bien a dónde quiero conducir la conversación y te dejas

renkontis ĉe ĝiaj bordoj la korpon de droninta junulo kun livida vizaĝo, inertaj manoj, alsupra dorso kaj ruĝa-griza tornistro sur la ŝultroj.

Oni renkontis lin ĉi-matene, je la oka kaj duono, ĉe la liva bordo inter ponto Petöfi kaj la fervoja ponto. Lia liva kruro kroĉiĝis al la restoj de metala platformo, kaj liaj brakoj, kruce apertaj[1], flosis en la akvo.

Kiam István, la komisaro, venos ĉi-vespere al la butiko, mi demandos de li, ĉu temas pri juna homo. Li respondos ke jes, ke li estas tre juna, proksimume deknaŭ- aŭ dudekjara, ke neniu konis lin, ke neniu demandis pri li, ke li portas nul identigan dokumenton. Pri la tornistro li ne komentos, mi scias kiel li kondutas en ĉi tiaj cirkonstancoj, li tenos la buŝon fermita ĝis ĉio solviĝos.

Nun li envenas, salutas min. *Hola, István.* Fine jen vi. Preskaŭ sam-aspekta kiel antaŭe. La sama serĝento Örkény István el la milit-serva tempo en Nyíregyháza, alta kaj fortika, kun kurbaj haroj blondaj tre krispaj kaj kun barbo kreska je du tagoj. *Nu, ĉu vi serĉas iun libron?* Vi ridetas momenton kaj poste silentas, okulas min kaj sen rigardi alsube prenas iun ajn el la volumoj kuŝantaj sur la olda vendotablo. *Proponu al mi ion interesan.* Kaj mi: *Bone... ĉu "La Triumfo de la Morto"? Ne diru, ke vi ankoraŭ ne legis ĝin.* Vi tre bone scias kien mi volas gvidi la konversacion, kaj vi ne faras reziston. Temas pri la ĉiama ludo kiu, kiel ĉiam, finiĝos per vana partio.

llevar. Es el juego de siempre y, como siempre, acabará en tablas la partida.

A todos nos fascina la idea de suicidarnos. Y, sin embargo, pocos nos decidimos a hacerlo. Tú no podrías, István. Yo tampoco. No puedo dejarlo todo en este punto: hay cartas, libros, fotografías que ordenar, clasificar y, eventualmente, destruir. No es que deba cumplir misión alguna; veinticuatro años vendiendo libros de segunda mano son ya bastantes años, muchos años. El día en que muera será mi fin del mundo y no quiero que queden cabos sueltos. Tú eres diferente.

*Tal vez sea extranjero, aunque por su aspecto nadie podría afirmarlo. En todo caso, oyéndolo hablar con un acento extraño, uno pensaría que es del país vecino... que viene de Varsovia, de Praga o de Viena. No, sus ropas ni confirman ni desmienten; como él, siguen mudas.*

Y entonces soy yo quien te mira fijamente. Nunca te quitarás la vida, sabes que nadie es espectador de su propia muerte, y sin embargo querrías ver los rostros de tus parientes y amigos, adivinar el peso de la noticia en sus quehaceres cotidianos. ¿Cuántos años habrían de pasar para que ella, él o yo olvidásemos el día de tu cumpleaños? ¿Quién sería el primero en olvidar, en dudar, en no acordarse a tiempo? *Siempre has tenido que saber el resultado de tus acciones. Nada ocurre porque sí, todo debe de tener principio, fin y,*

La allogo de suicido fascinas nin ĉiujn. Tamen pokaj el ni faras la definitivan paŝon. Vi ne povus, István. Ankaŭ mi ne. Ĝuste nun mi ne povas ĉion forlasi: necesas ordi, klasifi, eventuale detrui, leterojn, librojn, fotojn. Ne por la efektivigo de ia aparta tasko. Dudek kvar jaroj en la vendado de brokantaj libroj estas jam multaj jaroj, fakte tro multaj. En la tago de mia morto vanuos[2] ankaŭ mia mondo, kaj mi ne volas, ke io nearanĝita postrestu. Vi estas alia, István.

*Eble li estas eksterlandano, kvankam oni ne povas certigi tion laŭ lia aspekto. Nu, se oni aŭdus lin paroli kun stranga akĉento, oni pensus, ke li venis el iu najbara lando... el Varsovio, el Prago, el Vieno. Kaj liaj vestaĵoj nek konfirmas nek dementas. Same kiel li, ili mutas.*

Kaj nun, en reciproko, mi fikse rigardas vin. Neniam vi prenos de vi la vivon. Vi scias, ke neniu spektas sian propran morton, kaj tamen vi dezirus vidi la vizaĝon de viaj parencoj kaj amikoj, diveni la efektivan pezon de la novaĵo en ilia ĉiutaga vivo. Kiom da jaroj paŝus ĝis ŝi, li aŭ mi ĉesus memori vian nasko-daton? Kiu estus la unua forgesi, dubi, ne memori ĝustatempe? *Vi ĉiam volis nepre koni la rezulton de viaj faroj. Nenio okazas pro hazardo, ĉio ja havas komencon, finon kaj, cetere, interan disvolviĝon. Sed povas esti, ke la junulo ne pensis same, eble li faligis sin preskaŭ nevole, kiu scias ĉu pro la frido kaj humido...* Vi ne interrompas min. Okazas, ke mi

*cómo no, desarrollo. Pero tal vez el chico no pensara igual, quizás se dejó caer, casi sin quererlo, quién sabe si a causa del frío y la humedad*... No me interrumpes. Ahora soy yo el que callo. Sabes que no volverá, que tú tampoco podrías volver, sabes que nadie... No puedo evitar una broma: *Nadie se ahoga dos veces en el mismo río.*

El reloj de la calle Korvin Ottó da las seis y media. Es hora de cerrar la tienda hasta mañana. *¿Cómo te fue el día?* Yo pienso en los ingresos y tú en los clientes: *No muy mal; un par de libros caros y algunas novelillas.* Salimos juntos y llegamos a la plaza; después, sin prisa, nos encaminamos hacia el puente de Árpád y entramos en la isla. Te pregunto desde qué puente te tirarías si quisieras suicidarte y me dices que no sabes, que vaya preguntas se me ocurren. Yo sí lo sé. Desde el de Erzsébet, el puente colgante, nuevo y blanco. Caminaría tranquilamente desde Pest, ligero de equipaje. A la mitad del puente volvería la mirada a las luces de la ciudad, a la facultad de letras al principio de la calle Váci, al tráfico invisible. Entonces, como quien deja caer un anillo que nadie ha de recibir, me entregaría al Danubio.

*Desde luego no fue desde la isla.* Proseguimos nuestro paseo por el antiguo muelle de Széchenyi, junto al edificio del Parlamento. Nos sentamos en las escalinatas de mármol pulido por las aguas, indolentes. Cuando el sol se esconde más allá de Buda y las sombras se confunden con el río, cuando no es silentas nun. Vi scias, ke li ne resurektos, ke ankaŭ vi ne povus resurekti, vi scias, ke neniu... Mi ne povas eviti eldiri ŝercon: *neniu dronas dufoje en la sama rivero.*

Batas la sesa kaj duono en la horloĝo de strato Korvin Ottó. Horo fermi la butikon ĝis morgaŭ. *Kiel estis al vi la tago?* Mi pensas pri la enspezoj kaj vi pri la klientoj. *Ne tre mave. Mi vendis du multekostajn librojn kaj kelke da romanetoj.* Ni eliras kune kaj alvenas al la placo, poste alpaŝas senurĝe al ponto Árpád kaj al la insulo. Mi demandas de vi, el kiu ponto vi ĵetus vin, se vi volus vin mortigi, kaj vi respondas, ke vi ne scias, kaj ke strangaj ideoj fontas el mia kapo. Mi scias kion mi ja farus: elĵeti min de la penda ponto Erzsébet, nova kaj blanka. Mi trankvile alpiedus de Pest portante nul superfluaĵon. Meze de la ponto turnus la rigardon al la urbaj lumoj, al la beletra fakultato ĉe la komenco de strato Váci, al la nevidebla trafiko. Tiam, same kiel oni faligas ringon ricevotan de neniu, mi fordonus min al Danubo.

*Cetere la afero ne originis en la insulo.* Ni plu promenis sur la olda kajo Széchenyi, ĉe la Parlamentejo, sidiĝis apatie sur la marmoraj ŝtupoj ŝlifitaj de la akvo. Kiam la suno sin kaŝas preter Buda kaj la ombroj glutas la riveron, kiam neeblas distingi nud-okule fadenon blankan disde nigra, tiam, ĝuste tiam, vi ĉendas[3] la lastan cigaredon vesperan. Vi ŝajnas iom nervoza, mi ne scias kion vi volas diri al mi kaj kial vi plu mutas.

posible distinguir a simple vista un hilo blanco de uno negro, entonces, justo entonces enciendes el último cigarrillo de la tarde. Pareces un tanto nervioso, no sé qué tienes que decirme y por qué no lo has hecho ya.

*¿Es que aún no has abierto la mochila?* Volvemos a mirarnos, puedo palpar el miedo en tu mirada, fundido con el débil reflejo de la llama. Miedo de encontrar en un retrato en blanco y negro con fecha y con dedicatoria, o en una tira de papel escrito y arrugado en el bolsillo de un vaquero sin lavar, o en una agenda con forro de cuero o de piel negra y barata, repleta de números de teléfono y del rastro de lejanas citas, o en las borrosas anotaciones en los márgenes de una novela que desconoces, o en cualquiera de los múltiples objetos que pasan por tus manos y que tus ojos tientan indecisos, encontrar, repito, el testimonio de una vida en soledad, la llaga de una pérdida, el eco latente de un malentendido.

Sentir lo mismo una vez más, sentirse el mismo. Yo en cambio temo no saber, no poder leer, no haber comprendido nada en absoluto. *¿Todavía no has abierto la mochila?* Es de noche y espero una respuesta.

*Ĉu vi ankoraŭ ne apertis la tornistron?* Refoje ni rigardas unu la alian, mi povas percepti en viaj okuloj timon miksitan kun la tituba[4] flameto fajrila: timon trovi en blanka-nigra foto kun dediĉo, aŭ en skribita paperpeco elprenita ĉifa el poŝo de senlava ĵinso, aŭ en agendo - kun tego el ledo aŭ el ĉipa haŭto nigra - plena de telefon-numeroj kaj de spuroj de oldaj rendevuoj, aŭ en la nefacile legeblaj notoj sur la marĝenoj de romano, kiun vi ne konas, aŭ en iu ajn el la multaj objektoj, kiuj sinsekve nestas en viaj manoj, kaj kiujn viaj okuloj hezite taksas, trovi, mi ripetas, la ateston de unu soleca vivo, la vundon de unu forlaso, la latentan eĥon de unu miskompreno.

Senti la samon unu plian fojon, senti sin la sama. Mi, kontraŭe, timas ne scii, ne povi legi, ne kompreni ion. *Ĉu vi ankoraŭ ne apertis la tornistron?* Noktas, kaj mi atendas la respondon.



